# PER FORTA UEA UTILAS ESPERANTO!

## La premioj dum la Jubilea jaro.

La premioj de UEA jam apartenas al la tradicia servo de l'Asocio kaj enradikiĝis. La ĉiujara disdono de 8000-9000 libroj fariĝis kutima kaj jam oni atendas la liston kun la novaj premioj. Estas nun la sepa jaro post enkonduko de tiu-ĉi servo kaj baldaŭ ni atingas la sumon de 100.000 libroj disdonitaj de l'Asocio al la membroj. Tio entenas premiojn por frupago, por varbado kaj al Subtenantoj. Valoras ke ni iom klarigu la ideon de tiu-ĉi servo.

La origina kaŭzo konsenti premion al membro estis administre-teknika. La administra jaro de UEA estas de Novembro ĝis Oktobro; la pago de l'kotizo efektiviĝas kutime dum komenco de l'jaro. Por transporti pli grandan nombron de aliĝoj en pli trankvilan tempon, (monatoj Novembro-Decembro estas tiaj) ni instigis en 1924 tiun realiĝon je pli frua tempo kaj por stimuli ĝin, konsentis la premion de frupago.

La dua kaŭzo enkonduki tiun ĉi servon estis la fakto, ke aĉeti esp. libron estas por multaj personoj vera komplikaĵo. Tion forigas parte nia premiado kaj listo de elekteblaj verkoj ĉiam pli riĉa konservas la intereson de l'membro al tiu-ĉi servo.

Tria kaŭzo estis la ekzisto de multaj bonaj verkoj nevendeblaj, pro manko de l'rekta kontakto. Efektive, la ne tuja vido de libro grave influas la aĉeton. Esperantisto devas skribe mendi libron deziratan. La lokoj kie ekzistas esp. librejo estas malmultaj. Pro tio ne estas miriga, ke eldonintoj ne sukcesas finvendi eldonaĵojn. UEA tie sukcese intervenas kaj helpas por bono de ambaŭ.

Al la premio por plifrua pago de l'kotizo ni aldonis tiun por la *varbado* de novaj anoj. Ankaŭ ĝi grade progresis kaj influis la staton de l'Asocio. Por progresigi same la varbadon de reklamoj kaj anoncoj, premio estas konsentata ek de 1933 (1 Nov. 1932).

---

### REGULARO PRI PREMIOJ.

1) ***Premion de frupago*** rajtas elekti ĉiu malnova ano, kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 31-a de Januaro (1933) por 1933.

2) ***Premion de frupago*** rajtas elekti ĉiu **nova** ano dum la daŭro de l'administra jaro (de l'1-a Nov. ĝis 31 Oktobro 1933).

3) ***Premion de varbado*** rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio; plie kiu varbis reklamojn kaj anoncojn por la Jarlibro.

4) ***Premion de Subtenanto*** rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon.

5) ***Premion*** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) ***Premion*** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

# Listo de l'premioj

### SERIO A: PREMIOJ POR FRUPAGO.

La premioj por frupago kaj varbado plie la premio de *helpmembro* formas serion A kun subdividoj, kiuj rilatas al la kategorioj de membreco k.t.p. Elektante, sufiĉas citi ordan numeron.

**MEMBRO** [*Helpmembro*]: (Varbo de membro, de entrepreno, 3 linia reklamo).

**1** **Bildo de D-ro Zamenhof,** kreinto de nia lingvo. Fotoreproduktaĵo, 10,5 × 15 cm., brunkolora sur luksa kartono. Bela ornamo.

**2** **Prof. Nothnagel:** *La Mortado*. Prelego profundsenta kaj konsoliga. Trad. B. Selzer, Vieno. 15 × 23 cm., 28 paĝoj.

**3** **Sadoveanu:** *Nobela peko*. Novelo el la verkoj de la plej konata rumana prozisto. Trad. Tiberio Morariu. 12 × 17 cm., 64 paĝoj. (El kolekto Internacia Mondliteraturo.)

**4** **Gotth. Ephr. Lessing:** *Natan la saĝulo*. Drameca poemo. Trad. Karl Minor, L.K. 11 × 16 cm., 208 pĝ. (El Nova Esperanto-Biblioteko).

**5** **Karlo Verks:** *Elementa Fotografa Optiko*. Originale verkita en Esperanto. 12 × 19 cm., 80 paĝoj. (El Scienca Kolekto.)

**6** **J. S. Machar:** *Benedek*. Historia portreto el milito 1866. Trad. R. Fridrich. 15 × 21 cm., 24 pĝ.
(Benedek, aŭstria armeestro portis la respondecon por la malvenko de Habsburg kontraŭ Hohenzollern. Laŭ insisto de l'imperiestro li silente suferis tiun maljustaĵon por savi la dinastion.

**7** **E. Drezen:** *La vojoj de formiĝo kaj disvastiĝo de la Lingvo Internacia*. 11 × 14,5 cm., 64 pĝ. Kun kronologia tabelo de projektoj de Internacia Lingvo. Valora teksto. (Limigita provizo.)

**8** **Abraham Dreyfus:** *La vangfrapo*. Unuakta komedio. Trad. S. Sar. 12 × 18 cm., 52 pĝ.

**9** **Emil Isac:** *Sonorilo kaj Kanono*. Poemaro en prozo. El rumana tradukis Tib. Morariu. 12 × 20 cm. 60 pĝ.

**10** **Ludw. Krysta:** *Pri la prononcado de Esperanto*. 11,5 × 16 cm., 30 pĝ. (Eldonaĵo de Mondlingvo-Eldonejo en Katowice.)

**11** **Leo Tolstoj:** *Hodinka. — Nikolao la bastonulo*. Du rakontetoj de la fama verkisto. 11,5 × 14,5 cm. **Aleksandro Drozdoj:** *Krucumo*. El ruso lingvo tradukis N. Hohlov. 12 × 16 cm., 55 paĝoj.

12 **D-ro Leopold Dreher, L. K.:** *Anekdotaro*. Studo per rido. Kun lingvaj klarigoj kaj tradukoj, franca, angla, germana, pola. 12 × 16 cm., 64 pĝ.

13 *Kongresa libro del' 17-a Kongreso de Esperanto*. 11,5 × 16,5 cm., 84 paĝoj. (Bela presaĵo laŭ formato de la Jarlibro.)

14 *Esperantista dokumentaro : 14-a Universala Kongreso de Esperanto, Helsinki 1922*. 114 pĝ. Serio de la Esp. Centra Oficejo.

15 *18-a Universala Kongreso de Esperanto, Edinburgh 1926*. Raportoj, protokoloj, statistikoj. 88 paĝoj. (Eldono de ICK.)

16 *19-a Universala Kongreso de Esperanto, Danzig, 1927*. Raportoj, protokolo, statistiko. 108 paĝoj. (Eldono de ICK.)

17 *22-a Universala Kongreso de Esperanto, Oxford, 1930*. Raportoj, protokolo, statistiko. 140 paĝoj. (Eldono de ICK.)

18 **Waldemar Bonsels:** Ŝolandro. Traduko el verkaro de plej legata germana aŭtoro. Tradukis D-ro Sós † — 48 paĝoj 14 × 20 cm. Plie unu ekzempleron de « Datoj kaj faktoj pri la Paca Movado ».

19 *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado*. 14-a jaro 1926. 428 paĝoj.

20 *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado*. 20-a jaro. 1932. 320 paĝoj.

**MEMBRO-ABONANTO:** (Premio de frupago, por varbo de nova MA, de reklamo ¼ paĝa en Jarlibro 1933).

21 **D-ro K. Kalocsay:** *Lingvo, Stilo, Formo*. Studoj pri vortfarado, poezia lingvo, elparolo, rimo, ritmo k. a. 13 × 19 cm., 142 paĝoj. (Eldono Literatura Mondo.) — Limigita nombro !

22 **Francesco Nitti:** *Eŭropo ĉe la abismo*. Kun bildo kaj antaŭparolo de l'aŭtoro. Trad. Robert Kreuz, L. K. 14 × 21 cm., 178 paĝoj.

23 **Jules Romains:** *Knock aŭ la triumfo de Medicino*. Komedio en tri aktoj. Trad. D-ro Pierre Corret, Akademiano. Franca spritaĵo unuaranga. 12 × 19 cm., 78 paĝoj. (Limigita nombro.)

24 **C. Walter:** *Gajaj Vesperoj*. Spritaĵoj, anekdotoj, humoraĵoj, diversaĵoj, reguloj por gvidantoj, program-konsiloj por grupkunvenoj, ludoj. 12 × 17 cm., 80 paĝoj.

25 **De Ségur:** *Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj*. Laŭ la germana traduko de P. Henriko Müller, S.V.D. — Esperantigis D-ro A. Halbedl. 12,5 × 20 cm., 210 paĝoj. — Eksterordinare bela premio, ordinara vendoprezo : Frk. svis. 3,50.

26 **D-ro Ad. Ferrière:** *Estonta Eduko*. Interesa kaj konvinkiga pledo por transformo de la nuna lerneja sistemo. Ne teda teksto sed viva legaĵo, tute ne banala aŭ supraja. Elegante aranĝita, 12 × 17 cm., 72 paĝoj, bela preso. (Serio de UEA.)

27 **Jan Zawada:** *Adreslibro de pollandaj Esperantistoj kaj praktika informilo pri-esperanta*. 13,5 × 19,5 cm., 208 paĝoj. Unika tiaspeca libro, diligenta laboraĵo, bonega informilo. Pli ol 4.000 adresoj.

28 **S. Grenkamp-Kornfeld:** *5.000.000* ...... 12 × 18 cm., 114 paĝoj.
Libro plenhumora, sarkasma, sentimentala kiu elvokis diversecajn tendencajn kritikojn. Sed senescepte ĉiuj devis laŭdi ĝian lingvon, klaran bonan stilon.

29 **Julio Baghy:** *Dancu, marionetoj*. Novelaro. 12 × 16,5 cm., 174 paĝoj.

30 **Robert Kreuz-Al. Mazzolini:** *Komerca Vortaro en Esperanto*. 12 × 16 cm., 94 paĝoj. Enhavos 1400 vortojn kun klarigo.

31 *La Nova Testamento*, eldono de la Brita kaj Alilanda Biblia Societo. Malgranda eldono, 7,5 × 12 cm., 358 paĝoj, bela preso.

32 *Kolekto de 5 ŝlosiloj de Esperanto* (ICK-serio). Po unu : Araba, Japana, Juda, Persa, Ukraina.

33 Katolika verketaro konsistanta el 4 libretoj : **Papo Benedikto X-a:** *Kristo kaj la Ligo de Nacioj*. — **Frank:** *La Patro*. — **A. v. Krane:** *Graco atendanta, rakonto el la tempo de Kristo*. — **F. Prast:** *Tarcizio drama legendo el prakrista herotempo*. — Aldono : **Sappl:** *Kiel oni fondas kaj organizas Esp. grupon*. — Sume 5 broŝuroj.

34 *KoleKto de 35-40 turismaj presaĵoj en Esperanto*. Bela kaj taŭga por malgranda ekspozicio.

**MEMBRO-SUBTENANTO:** (Premio por frupago, varbo de nova Subtenanto, de ½ paĝa anonco en Jarlibro.

35 **Kas. Smogorzewski:** *Pol-Pomeranio*. Trad. S. Grenkamp-Kornfeld. 17 × 25,5 cm., 132 paĝoj.
La verko priskribas la polan vidpunkton en la afero de la tielnomata koridoro kaj la provinco Pomeranio. Klara stilo, deca sinteno senofenda igas tiun verkon, valoran legindaĵon instruan.

36 **Voltaire:** *Kandid aŭ La Optimismo*. Trad. E. Lanti. 13 × 19 cm., 162 paĝoj.

37 **D-ro Siegfried Liebeck:** *Juristisches Wörterbuch : Deutsch-Esperanto*. 12 × 17,5 cm., 86 paĝ. Bela klara preso.

38 **Lu-Ŝin:** *La vera historio de Ah Q*. Trad. S. M. Ghun. 13 × 19 cm., 146 paĝoj. Romano ĉina, presita en Ĉinujo.

39 **Julio Baghy:** *Viktimoj*. 12 × 16,5 cm., 238 paĝoj. Originala romano de l'taleta verkisto.

40 **Profesoro Th. Cart:** *Vortoj*. Kunmetita de S. Grenkamp kaj R. de Lajarte. 13,5 × 18 cm., 140 paĝoj.

41 **D-ro Edmond Privat:** *Esprimo de Sentoj en Esperanto.* Resumo de kurso farita ĉe la Universitato de Ĝenevo, en la lingvoscienca fako de la Beletristika Fakultato dum 1929 kaj 1930. Elegante presita libreto. 12 × 17 cm., 60 paĝoj. Luksa eldono.

42 **P. Firu-S. Pragano:** *Rumana bonhumoro en elektitaj rakontoj.* 12,5 × 18,5 cm., 62 paĝoj.

43 **Dreves Uitterdijk:** *Miraklaj aventuroj de S-ro Longkrurulo.* Rime verkita. Kun 152 bildoj kaj 162 strofoj. 28 cm. larĝa, 17,5 alta, 76 paĝoj.

44 *Verda Steleto. Internacia Infanaro.* Lernolibro por infanoj, kun koloraj bildoj, grandaj literoj. Kunmetis S-ino V. Seriŝeva, Barnaul, Siberio. 17 × 24 cm., 78 paĝoj.

45 *Kolekto de 12 ŝlosiloj de Esperanto* (ICK-serio). Po unu el lingvoj : Albana, Estona, Franca, Germana, Hispana, Hungara, Itala, Latva, Nederlanda, Pola, Romanĉa, Slovaka.

46 *Skanderbeg, albana nacia heroo.* Priskribo de lia vivo. Verkis Cuk Simoni, Ŝkoder. (Mimeografita eldonaĵo.) 14 × 21 cm., 144 paĝoj.

47 *The Gospel in many Tongues.* (La evangelio en multaj lingvoj.) Specimenoj de lingvoj kaj skriboj el 630 idiomoj de la tero, kun lingvolisto alfabeta. Citaĵo el S-ta Johano 3. 16. — 12 × 18 cm., 166 paĝoj. Lingvolisto laŭ angla nomo.

48 *Gottes Wort in vielen Sprachen.* La sama kiel la antaŭa, alfabeta vico kaj lingvonomoj laŭ germana lingvo.

49 **D-ro Jan Herben:** *Malriĉa knabo kiu gloriĝis.* (Biografio pri T. G. Masaryk, Unua Prezidanto de l' Ĉeĥoslovaka Respubliko.) 14 × 20 cm., 136 paĝoj. Eldono de Moraviaj Esp.-Pioniroj.

50 **Al. Svjentoĥovski:** *Aspazio.* Tragedio en kvin aktoj. El pola lingvo tradukis D-ro Leono Zamenhof. 15 × 21 cm., 160 paĝoj. (Kolekto de « La Revuo ».)

# Helpu al UEA kaj aliĝu kiel Subtenanto !

La daŭro falo de la monkurzoj kaj la neebleco konformigi la FAVORAN tarifon al la cirkonstancoj kreitaj, devigas la estraron de nia Asocio serĉi la plibonigon de la financoj ĉie. Malkreskas ankaŭ la kostoj (feliĉe), efikas ankaŭ iom ŝparoj en la diversaj branĉoj de nia agado. Tamen malgraŭ forta streĉo, tio ne alportas la deziratan egaligon. Pro tio ni turnas nin al vi ĉiuj, ke vi helpu la Asocion per pli granda kotizo. Tio estas la Subtenanto de UEA. Fidela al la principo ke kiu multon pagas ankaŭ multon ricevu, UEA enkondukis la premion de Subtenanto, aparta premio, konsistanta el valoraj libroj de nia literaturo. Per ĝi UEA ne nur volas kreskigi siajn enspezojn, sed ankaŭ helpi al la eldonistoj de esp. verkoj. Ili en la nuna tempo ja ne ridetas, ĉar la internacia komerco eĉ tiom eta kiel estas la librovendo, grave suferas pro la malhelpoj pagi.

La aliĝo de Subtenanto pli kaj pli trovas favoron. UEA konsentas por helpi al iuj, nepovantaj pagi la kotizon unufoje, partpagon en kvin eroj. Ke ĉiu profitu de tiu ĉi aranĝo.

Malrapide sed certe kreskas la nombro de la personoj, kiuj aliĝas kiel Subtenantoj. Kelkaj ciferoj tion pruvas : (1925 : 422 ; 1926 : 406 ; 1927 : 440 ; 1928 : 444 ; 1929 : 374 ; 1930 : 385 ; 1931 : 489 ; 1932 : 545). Nia celo estas atingi milon da subtenantoj, t. e. 11-12 % de la tuta membraro. Per tio ni nepre stabiligos la financojn de la Asocio kaj konsiderinde helpos al la esp. librovendo.

**Antaŭen do al la milo da subtenantoj !**

Subtenanta Membro de UEA rajtas ricevi krom la membreco : La Jarlibron 1933, la revuon ESPERANTO por la tuta jaro, unu premion de frupago elekteblan inter la numeroj 35 ĝis 50, plie la premion de Subtenanto kies listo sekvas nun. — Estas eble, elekti anstataŭ la premion de frupago por subtenanto, du el la listo 21 ĝis 34, aŭ tri laŭ listo 1-21.

**SERIO B : PREMIARO DE SUBTENANTOJ.**

51 **E. Drezen:** *Historio de la Mondolingvo.* Tri jarcentoj da serĉado. El rusa lingvo tradukis Hohlov kaj Nekrasov. 17 × 26 cm., 240 paĝoj, kun multaj bildoj kaj grafikoj. La plej kompleta verko pri la temo de l'mondlingvo, en mallongaj ĉapitroj, tre taŭga por rapida serĉado por dokumentado.

**E. Drezen:** *Analiza* historio de Esperanto-Movado. (Kvazaŭ kompletigo de la unua ĝenerala verko.) 14,5 × 22 cm., 96 paĝoj.

52 **Eugen Wüster:** *Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana.* 16,5 × 24 cm., 140 paĝoj. Eldonaĵo de Firmo Ferd. Hirt & Sohn. Leipzig. Aperis ĝis nun kvar partoj.

Oni rajtas elekti unu parton, egale kiun, laŭdezire. Tiu ĉi verko restos por ĉiam premio de MS, tiel ke oni preskaŭ povas aboni sin al ĝi per la regula aliĝo de Subtenanto. La ordinara prezo de unu parto estas 17,50 Frk. sv. Eksterordinara premio.

53 Premio de Literatura Mondo konsistante el du volumoj broŝuritaj de : *Pentroarto* en Malnova Hungarujo... kaj... De paĝo al paĝo.

54 **Erich Maria Remarque:** *En Okcidento nenio nova.* Bindita eldono, 14 × 21 cm., 252 paĝoj.

55 Premio de Literatura Mondo konsistanta el du volumoj : 1. **D-ro Kalocsay:** *Eterna Bukedo* ; 2. **Gœthe:** *Romaj elegioj.* (Ambaŭ broŝuritaj.)

56 Premio de Literatura Mondo, konsistanta el tri verkoj : 1. **Szilagyi:** *Trans la fabeloceano* ; 2. **Engholm:** *Homoj su rla tero* ; 3. *Romaj elegioj.* (Broŝuritaj.)

**57** Premio de Literatura Mondo : *Verkaro de Baghy*. Kvin libroj kun 1054 paĝoj da teksto. (Broŝurita.) *Hura. — Viktimoj. — Dancu Marionetoj. — Pilgrimo. — Preter la vivo.*

**58** *Kataluna Antologio*. Verko rekompencita de la Esperantista Akademio. Kompilita kaj plejparte tradukita de Jaume Grau Casas L. K. Dua eldono. Bela preso, luksa papero, ornamo por ĉiu biblioteko. Pli ol 400 paĝoj da teksto. 22 × 16 cm. (Lukse bindita.)

**59** *Kataluna Antologio — Belga Antologio (Franca parto)*. Ambaŭ libroj kune 680 paĝoj da teksto, broŝuritaj.

**60** *Kataluna Antologio — Bulgara Antologio — Litova Almanako*. 930 paĝoj da teksto.

**61** *Belga Antologio (Franca parto) — Bulgara Antologio kaj Litova Almanako*.

**62** *Plena Vortaro de Esperanto*. Verkita de Prof. E. Grosjean-Maupin, direktoro de la sekcio Komuna Vortaro ĉe la Esperantista Akademio. 518 paĝoj, 15 × 20 cm. Bindita. (Eldono de SAT.)

**63** **Giovanni Papini:** *Historio de Kristo*, 575 paĝoj, 12 × 18 cm. Verko tradukita en 22 lingvojn.

**64** **D-ro L. L. Zamenhof:** *Originala verkaro*. Antaŭparolo — gazetartikoloj. — Traktaĵoj. — Paroladoj. — Leteroj. — Poemoj. — Kolektitaj kaj ordigitaj de D-ro Dietterle. Eldonaĵo de firmo Hirt & Sohn, Leipzig. 604 paĝoj, 15 × 22,5 cm., luksa volumo, ornamo de ĉiu biblioteko, riĉa fonto de esploro pri pensoj de l'kreinto de Esperanto.

**65** Kolekto de verkoj el eldonejo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig ; 1 ekzemplero de :
**Raimund:** *La Malŝparulo* ; **Delsudo:** *Aŭstralio, lando kaj popolo* ; **Niemojewski:** *Legendoj* ; **Irwing:** *El la skizlibro* ; **Sienkiewicz:** *Noveloj* ; **Bertrana:** *Barbaraj prozaĵoj* ; **Ŝimunoviĉi:** *Ano de l'ringludo* ; **Eekhoud:** *Servokapabla*. — Sume 8 libroj.

**66** Kolekto de verkoj el eldonejo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig ; 1 ekzemplero de :
**Luyken:** *Pro Iŝtar* ; **Bennemann:** *Internacia Kantaro* (Tekstaro) ; **Puŝkin:** *Tri noveloj* ; **Ariŝima:** *Deklaracio* ; **E. A. Poe:** *Ses noveloj* ; **Balzac:** *La firmao de la kato kiu pilkludas* ; **Doroŝeviĉ:** *Orientaj fabeloj*. Sume 7 libroj.

**67** Kolekto de verkoj el eldonejo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig ; 1 ekzemplero de :
**Bennemann:** *Internacia Kantaro* (Tekstaro) ; **Raimund:** *La Malŝparulo* ; **Jean Forge:** *Saltego trans jarmiloj* ; **Luyken:** *Pro Iŝtar* ; **Eekhoud:** *Servokapabla*. Sume 5 libroj.

**68** Kolekto de verkoj el eldonejo Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig ; 1 ekzemplero de :
**Dietterle:** *Vendreda Klubo;* **Delsudo:** *Aŭstralio, lando kaj popolo* ; **Jean Forge:** *Abismoj* ; **Bennemann:** *Internacia Kantaro* (Tekstaro) ; **Wüster:** *Maŝinfaka vortaro*. — Sume 5 libroj.

**69** *Biblioteko Tutmonda* : Du serioj de tiu-ĉi interesa kaj bele presita biblioteko, ĉiu serio en kartona ingo. — La titoloj estas :
**Mérimée:** *Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj.*
**Van Eeden:** *La malgranda Johanno.*
**Baudouin:** *La Arto de Memdisciplino.*
**Karinthy:** *Norda Vento* (novelkolekto).
**Korolenko:** *La Sonĝo de Makaro.*
**Bratescu-Voinesti:** *Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj.*
**Penndorf:** *El grekaj papirusoj.*
*Aventuroj de Munchhausen.*
**Puŝkin:** *Kapitan-filino.*
**Collinson:** *La Homa Lingvo.*
**Korĉak:** *Rakontoj Bonhumoraj.*
17,5 cm. alta, 10 cm. larĝa, 11 libroj, bele presitaj, kune 1078 paĝoj da teksto.

**70** *Bibliografio de Internacia lingvo*. Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, protretoj. Citas 7.000 verkojn de 2.000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ la diversaj sistemoj de lingvo internacia. 560 grand-formataj paĝoj. Por subtenantoj de UEA speciale bindita.

**71** Kolekto de verkoj de **Raymond Schwartz,** konsistanta el kvar volumoj : *Verdkata Testamento* (124 pĝ.) — *Prozo Ridetanta* (172 pĝ.) — *Anni kaj Montmartre* (126 pĝ.) — *La Stranga Butiko* (124 pĝ.) — 546 paĝoj da humorprovizo, taŭga kuracilo kontraŭ krizo.

**72** Kolekto de ĉiuj premioj de frupago por **membro** t. e. numero 1 ĝis 20. Kune 2038 paĝoj da teksto.

**73** Kolekto de ĉiuj premioj de frupago por **membro-abonanto,** t.e. numeroj 21 ĝis 34.

**74** Libera elekto de o k (**8**) volumoj el premioj de frupago de **membro-subtenanto,** t.e. el numeroj 35 ĝis 50.

**75** Usona premio konsistanta el 8 libroj, redaktitaj de profesoro **A. Kenngott,** Austin, Texas.
1. *Ĉiutaga vivo* (55 pĝ.) ; 2. *Internacia dialogaro* (60 pĝ.); 3. *Internacia Legolibro* (123 pĝ.); 4. *Internacia Frazaro* (51 pĝ.) ; 5. *Internacia Teatraĵetaro* (47 pĝ.) ; 6. *Kenngott's Esperanto Course* (177 pĝ.) ; 7. *Esperanto a lecture by A. Kenngott, M. A.* (38 pĝ.) ; 8. *Kenngott's Pocket Dictionary* (80 pĝ.). — Sume 630 paĝoj da teksto, bela preso kaj fortika papero, eleganta aspekto. Formato 11,5 × 17,5 cm.

# Kion la fremdulo unue vidas en Kolonjo

Hej, kiel amase la fremduloj vojaĝas al la Rejno ! Ili ja venu amase ! Mi havis onklon, veran vojaĝonklon. Li ja delonge elmondiĝis, sed lia karaktero nepre meritas esti savita el la forgeso. Nur pro sia originaleco : ĉar mia mortinta onklo vidis la tutan mondon, kaj ĉie li provis ekkoni la lokan specialaĵon. Nu, li akceptis la mondon tia kia ĝi estas kaj esti volas ! En Frankfurto, ekzemple, li manĝis nur Frankfurtajn kolbasetojn ; en Svislando jam ĉe l'matenmanĝo li enstomakigis grandajn porciojn da truhava fromaĝo ; en Londono li perdis kelkajn dentojn mordante bifstekojn ; en Romo kaj Milano li neniigis nekredeblajn kvantojn da makaronio ; en Ŝanhajo li vivis ekskluzive de rizo ; kaj en Novjorko li preskaŭ mortis trinkinte venenan alkoholon.

Sed al la afero !

Precize kiel la supre citita onklo, tiel same ankaŭ ĉiu fremdulo, kiu je la unua fojo alproksimiĝas al Kolonjo, certe portas en sia koro ian scivolemon. Li legis kaj aŭdis pri Kolonjo tion kaj ĉi tion, li formis al si propran opinion. Nun la impresoj alsaltas lin kiel subitaj ondoj, blindigas kaj surdigas lin dum kelkaj momentoj por pluaj okazajoj, eĉ por la tuta ĉirkaŭo. Nur kelkajn sekundojn daŭras ĉi tiu unua, potenca impreso, sed ĝi postlasas restontan postsignon.

Jen alvenas Mister Plentymoney el Usono. Li pagis jam antaŭe la tutan Eŭropo-vojaĝon, inkluzive la trinkmonoj. Li staras sur la kajo de la stacidomo kaj serĉas rigarde la agenton de la trafik-oficejo aŭ ĉapon kun enskribo de la antaŭmendita hotelo sur la kapo de respektiva servisto. Post kiam Mister Plentymoney estos trovinta ĉi tiujn ambaŭ polusojn aŭ almenaŭ unu el ili, ankaŭ tiu ĉi parto de la vojaĝo okaziĝos laŭprograme, precize kiel ĝin indikas la kontrakto kaj la Bedekero. Nun fine la bona Mister'o povas levi siajn okulojn supren al la pintoj de l'katedralturoj.

Lia edzino, Mrs. Plentymoney, havas jam pli altcelajn inklinojn. Ŝi estas klera kaj scias, ke en Kolonjo ekzistas, nu, « *Eau de Cologne* » (Kolonja Akvo), de kiu la urbo havas sian nomon. Ŝia unua rigardo serĉas kaj tuj trovas afiŝojn, tre multajn afiŝojn kun beletaj surskriboj : Eau de Cologne — Kolonja Akvo — La malfalsa Kolonja Akvo — La plej malfalsa Kolonja Akvo — La vere plej malfalsa Kolonja Akvo... Vi povas elekti, sinjorino Plentymoney el Usono !

La juna Mister Plentymoney, profesie filo de sia patro, estis ankoraŭ tre juna, kiam la « sekeco » (alkohol-malpermeso) konkeris Usonon. Kion li sciis tiam pri la ĝua delikataĵo de bonega, flegita botelo ? Nenion ! Kaj la kontrabandita varo estas tie en Usono same tiel malbona kiel multekosta. Pro tio la unua rigardo de la juna Plentymoney trafas la afiŝojn kaj tabulojn : Bonegaj bieroj — flegitaj vinoj — unuakvalitaj likvoroj — brandfarejo !

« Germanujo estas dorado », pensas la juna usonano kaj rigardas supren al la katedralo, ĉar tiel ordonas la Bedekero kaj tio ja devas esti.

**25-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, KŒLN (GERM.)**

29-a DE JULIO ĜIS 5-a DE AŬGUSTO 1933

Adreso : 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstr. 25, Köln, Germ.
Poŝta ĉekkonto : 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln n-ro 52.
Bankkonto : Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln, Germ.

## ALIĜILO

Skribu tre legeble — prefere per shribmaŝino !

Subskribint(in)o deziras aliĝi al la 25-a Universala Kongreso de Esperanto kaj pagas la sekvantajn kotizojn :

| | | |
|---|---|---|
| 1 Kongresa Karto . . . . . . . . . . | Germanaj Markoj | 20.— |
| ...... Junula(j) Karto(j) po gmk. 5.— . . . . . *(Vidu klarigon dorse)* | Germanaj Markoj | ........ |
| Donaco al la Kongresa Kaso . . . . . . | Germanaj Markoj | ........ |
| Donaco al la Blindula Kaso . . . . . . | Germanaj Markoj | ........ |
| Mi sendas ĉi-kune la sumon de . . . . . . | Germanaj Markoj | ........ |

per ĉeko, poŝtĉeko, mandato, per monbileto(j) en registrita letero, per banko,
per ........................................

Familia nomo *) ........................................
S-ro
S-ino ........................................
F-ino ........................................
Personaj, antaŭ- aŭ baptonomoj *) ........................................
Profesio **) ........................................
Nacieco **) ........................................
Strato *) ........................................ N-ro ..........
Urbo *) ........................................
Provinco *) .................... Lando **) ....................
Kune venos gejunuloj (malpli ol 17-jaraj), kies nomoj estas :
........................................
........................................

Dato : ........................ 193 ........ Subskribo de la Kongresano : ........................

*) En nacia lingvo.
**) En Esperanto.

Vidu dorsflanken!

Lia fratino, tipo : Sweetheart-Girl, opinias la pantalonojn de la Kolonjaj sinjoroj neeble mallongaj kaj malvastaj, sed la rigardojn de tiuj samaj sinjoroj nepre tro kuraĝaj. Ŝoke !

Jen venas ankaŭ Monsieur Dupont el Paris-Paname. En Germanujo ne ekzistas ŝtata tabakmonopolo — li aŭdis —, tie oni vendas cigarojn kaj cigaredojn, kiel en Parizo la Camembertfromaĝon, eĉ je ĉiu stratangulo, en ĉiu angulbutiko, se ĝi hazarde ne estas restoracio. Kiom larĝiĝas la okuloj de sinjoro Dupont ! Ne, tia elekteblo je cigaroj, cigaredoj kaj tabako en bongusta pako hejmlande ne ekzistas en iu ŝtata tabakvendejo !

Madame Dupont unuarigarde opinias la Kolonjajn sinjorinojn simple terure vestitaj. Fine tio ja estas afero de persona gusto ; sed la iom subpentritaj okuloj de madamo streĉite serĉas magazenojn por sinjorinaj modoj.

Jen rigardu, ankaŭ nia kara amiko « Gent » el « the old merry England » nin vizitas ! Li ja preskaŭ fariĝis honorcivitano ĉe ni dum tiuj jaroj. « Na nu, », konstatas la « Gent » kontente ridetante, « na nu, la Cologne Girls (Kolonjaj fraŭlinoj) fariĝas pli kaj pli beletaj, kaj iliaj roboj neniam pli longaj. Estus hontinde, hontinde por la kulturo, se tiom da belo oni kovrus kaj kaŝus per nelaŭcelaj borderoj. » — Tiel pensas la « Gent » el Londono, enirante Kolonjon, kies civitano li tre preskaŭ unufoje jam fariĝis.

La Berlinano tuj, traveturinte la stacidomon de Deutz (antaŭurbo de Kolonjo), pendas ĉe la fenestro de la kupeo. « Aha, jen ili, la Kolonjaj vidindaĵoj ! » li pensas, kaj tuj la turo de la ekspoziciejo fariĝas eta, modesta. La konstruaĵoj ŝrumpas. La Rejno estiĝas rivereto, la katedralo vilaĝa preĝejeto, kaj en la spirito de l'Berlinano gigante kreskas la ekspozicia halo ĉe Kaiserdamm, la Spree-rivero fariĝas kilometrolarĝa, kaj la Weidendammponto minimume trioble pli grandioza ol la Kolonja Hohenzollern-pontego.

S-ro Bämmchen el Lipsio, la granda marurbo (*), diable senpacience atendas la Rejnon kaj, ekvidante la multan akvon ,li prekaŭ svenas : « Nu do, ĉezas jam la flegmo ! De gie devenas la mulda akvo ? Jen naĝas du ŝiboj, — ne, estas ses, sep... » — Kiam oni venas el la marurbo Lipsio, oni vidas unue nur la multan akvon. Nature ! Oni havas specialan senton por tio, ennaskitan senton !

« Cervoledajn pantalonojn ili ne havas », konstatas la Munikano, « nek ĉambarbon ili portas sur sia ĉapelo, nek taleron ĉe la horloĝoĉeno, — damne, mi estas en Prusujo ! »

Sed fremda ekfraŭlino unuamomente vidas nur la belajn figurojn de la junuloj. « Ho ne, kiom ĉarmaj viroj estas la Kolonjanoj ! »

La poŝoŝtelisto kaj fripono, mankantaj nenie, kie kunvenas multe da homoj, ĉar ilia negoco floras en interpremo ,opinias ke la Kolonjaj policistoj havas tre suspektindajn vizaĝojn. « Kiom multe da policistoj ekzistas en Kolonjo ! » pensas la fripono kaj sin miksas inter la homamason kun etenditaj ŝtelfingroj.

Kolonjo povas al ĉiu homo donaci sensacian impreson, indiferente ĉu la alveninto estas « Gent », ekfraŭlino, « Girl », milionulo aŭ fripono.

(*) Moka atributo por la urbo Lipsio (germane : Leipzig) ; Muniko = germane : München.

## Gravaj klarigoj

1. La ordinara kotizo por la 25-a Universala Kongreso de Esperanto estas germ. mk. 20.—, por gejunuloj malpli ol 17-jaraj germ. mk. 5.—.
2. Por frualiĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis 31-a de decembro 1932, la kotizo estas nur germ. mk. 18.—, por gejunuloj germ. mk. 4.50.—.
3. Post 1-a de julio 1933 la kotizo plialtiĝos al germ. mk. 25.—, por gejunuloj al germ. mk. 6.—.
4. Post ricevo de la kotizo, la Loka Kongresa Komitato sendos kongresan karton.
5. Je konvena tempo ĉiu kongresano ricevos diversajn mendilojn por loĝado ktp. kaj eventualajn kongresajn eldonaĵojn.
6. Ĉiujn kongresnovaĵojn bonvolu legi en la Esperanta gazetaro. « Heroldo de Esperanto » aranĝos je konvena tempo ĉiusemajnan kongresrubrikon.

Rezervita por la Kongresa Oficejo

Aliĝilo : ..........

Pago : a) Kongresa Kotizo ..........

b) Junula(j) Kotizo(j) ..........

c) Donaco al la Kongresa Kaso ..........

d) Donaco al la Blindula Kaso ..........

Kongreskarto : ..........

Mendiloj : ..........

ESPERANTO, Nov. 1932. — *Presejo de Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno.*

## Prez-Tabelo por la Jarlibro 1933

| Lando | Mono | Reklamo-Anoncoj | | | | Entreprenoj | Interrilata Adresaro |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | 1/1 | 1/2 | 1/4 | 3 linioj | | |
| Albana | Lek | 75 | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Argentina | Peso | 37.50 | 18.75 | 9.30 | 3.10 | 6.25 | 0.60 |
| Aŭstralia | Ŝil. | 75 | 37.6 | 18/9 | 6/2 | 12/6 | 1/3 |
| Aŭstria | Ŝil. | 75 | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Belga | Frk. | 240 | 120.— | 60.— | 20.— | 40.— | 4.— |
| Brazila | Milr. | 150.— | 75.— | 37.50 | 12.50 | 25.— | 2.50 |
| Brita | Ŝil. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Bulgara | Lev. | 1200 | 600 | 300 | 100 | 200 | 20 |
| Ĉeĥoslov. | Kç. | 300 | 150 | 75 | 25 | 50 | 5 |
| Ĉina | Oni bonvolu pagi laŭ franca tarifo kaj mono | | | | | | |
| Dana | Kr. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Danzig | Guld. | 75.— | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Estona | Kr. | 30 | 15 | 7.50 | 2.50 | 5 | 0.50 |
| Finna | Fmk. | 450 | 225 | 112.50 | 37.50 | 75 | 7.50 |
| Franca | Fr. | 240 | 120 | 60 | 20 | 40 | 4.— |
| Germana | Rmk. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Greka | Dr. | 720 | 360 | 180 | 60 | 120 | 12.— |
| Hispana | Pes. | 90 | 45 | 22.50 | 7.50 | 15 | 1.50 |
| Hungara | Peng. | 75.— | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Irlanda | Ŝil. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Islanda | Kr. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Itala | L. | 180 | 90 | 45 | 15 | 30 | 3 |
| Japana | Jen | 30 | 15 | 7.50 | 2.50 | 5 | 0.50 |
| Jugoslava | Din. | 600 | 300 | 150 | 50 | 100 | 10 |
| Kanada | Dol. | 15 | 7.50 | 3.75 | 1.25 | 2.50 | 0.25 |
| Kuba | Dol. | 15 | 7.50 | 3.75 | 1.25 | 2.50 | 0.25 |
| Latva | Lat. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1.— |
| Litova | Lit. | 120 | 60 | 30 | 10 | 20 | 2.— |
| Nederlanda | Guld. | 37.50 | 18.75 | 9.30 | 3.10 | 6.25 | 0.60 |
| Norvega | Kr. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1.— |
| Pola | Zlot | 90 | 45 | 22.50 | 7.50 | 15 | 1.50 |
| Persa | Oni bonvolu pagi laŭ franca tarifo kaj mono | | | | | | |
| Portugala | Esk. | 180 | 90 | 45 | 15 | 30 | 3.— |
| Rumana | Lej | 1500 | 750 | 375 | 125 | 250 | 25.— |
| Sveda | Kr. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1.— |
| Svisa | Fr. | 75.— | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Turka | Piastr. | 1800 | 900 | 450 | 150 | 300 | 30.— |
| Urugvaja | Peso | 30.— | 15.— | 7.50 | 2.50 | 5.— | 0.50 |
| Usona | Dol. | 15 | 7.50 | 3.75 | 1.25 | 2.50 | 0.25 |

**PREMIO DE SUBTENANTO 1933**

Prem io n-ro 68

**PREMIO DE SUBTENANTO 1933**

**komerc'-i²** (k. EG 95, Ekz 25.∞, GE 99, UY 43) (Teilbegr. *negoci*) *per io²*, a. *ion* od. *pri*, Handel treiben, handeln mit; **~i per malnovajoj**, a. **ĉifonaĵoj²** (GE 223) (allg-r: *~aĵi*) = *brokanti* 1; **malhoneste ~i²** (GE 189) (allg. *~aĉi*), unredlich Handel treiben, Schiebergeschäfte machen; **kiu volas ~i, tiu saĝon bezonas²** (Prov n. 1211), (Spr.) etwa: zum Geschäftemachen gehört Verstand; s. *~enspezo²*.

**~a²** (k. Akci 62, GE 88, Hach Mist 80, Hist 265, 267), handeltreibend, Handels-, (a. *~ista*) kaufmännisch, kommerziell, merkantil; *(partopreni en nia afero nur) ~e²* (Akci 62), kaufmännisch; **~a centro** = *centro de ~o;* **~a Ĉambro**, Handelskammer; **ne taŭgas la vero por ~a afero²** (Prov n. 1087), (Spr.) s. *~aĵo;* ferner s. *entrepreno* 2 b, *²komunikiĝo, konsilisto, ²interrilatoj, societo, ²ŝipo, vojaĝisto.*

**~o²** (EG 95, GE 88, 99), Handel (Güterumsatz), *(inter ~o, ~a komunikiĝo)* Handelsverkehr, i. d. S. Geschäft; **eksterlanda ~o**, Außenhandel (s. *bilanco* 2); *eksporta, importa* u. *transita ~o;* **enlanda ~o**, Binnenhandel; **interŝanĝa ~o**, Tauschhandel; **libera ~o** (od. *interŝanĝo*), Freihandel; **placo**, groß a. **centro de ~o**, Handelsplatz (vgl. *~ejo* 2); **ne ekzistas en ~o**

**Provteksto malgrandigita el premio n-ro 52**

# *Universala Esperanto-Asocio*

# *ALIĜILO*

*Bonvolu akcepti mian aliĝon (re-aliĝon) al la Universala Esperanto-Asocio kiel Helpmembro — Membro — Membro-Abonanto — Membro-Subtenanto — Dumviva Membro — laŭ la kondiĉoj montritaj. Mi pagas la kotizon de .............. kaj petas alsendon de la dokumentoj. Mi elektas jenan premion de frupaganto ..............*

..............

*De Subtenanto:* ..............

..............

**Kotizoj 1933**

| | Helpmembro | Membro | M-Abon. | M-Subtenanto | Dumviva |
|---|---|---|---|---|---|
| Fr. svis. | 2.50 | 5.— | 12.50 | 25.— | 300.— |
| *Favora prezo por Aŭstrio:* | | | | | |
| Ŝil. | 2.50 | 5.— | 12.50 | 35.— | 500.— |

Loko: .............. Provinco ktp. ..............

Familia nomo: .............. Antaŭnomo: ..............

Profesio: .............. Adreso: ..............

Dato: .............. Subskribo: ..............

Pagebla al la loka Delegito aŭ al la ĉefdelegito:
E. G. Bernfeld, Inĝ., Cerninplatz 5-14, Wien II.
Poŝtĉeka konto: Postsparkasse Wien 3733.




# KIO ESTAS AELA?

## La plej bona amiko la libro

estas, ekde la ekzisto de Esperanto, malfacile akirebla por la esperantista legantaro, ĉar la esperantaj libroj estas multekostaj. En la lasta tempo, la ekonomia krizo eĉ plie malebligis la aĉeton de valoraj kaj belaspektaj libroj, por la plejmulto de la legantaro ili fariĝis efektive nepripageblaj. Legemaj kaj literaturemaj esperantistoj ekzistas ja en sufiĉa nombro, kaj tamen, pro la dirita kaŭzo, nia literaturo ne povas evolui kaj kreski laŭ la dezirindaj kaj necesaj mezuroj. Por nia literaturo

### EFEKTIVA DANĜERO

povas fariĝi ĉi tiu bedaŭrinda fakto. La lingvo vivas en sia literaturo. Esperanto, kiu ne havas parolantan popolon, eĉ pli, ol la naciaj lingvoj. Nur per sia literaturo povas Esperanto ĉiam denove montri, ke ĝi ne estas nura eksperimento aŭ seka projekto, sed vere vivanta lingvo. Ni bezonas freŝan literaturan vivon, novajn verkojn, novajn aŭtorojn,

### LIBROJN, LIBROJN KAJ LIBROJN

pri kiuj oni povas plezuri kaj fieri, literaturon, por kiu estas inde lerni nian lingvon.

Jen la motivoj kreintaj la organizaĵon

### ASOCIO DE ESPERANTISTAJ LIBRO-AMIKOJ (A.E.L.A.)

kiu, sub la financa garantio de Literatura Mondo kaj sub la spirita gvido de ĝia redakcio, deziras doni al la esperantista publiko librojn unuarangajn, belajn kaj malmultekostajn. Ĝia celo estas, ke per tre malgranda financa ofero, proksimume por la

### UNU KVARONO DE LA ĜIS NUN KUTIMAJ PREZOJ

nia publiko povu havigi al si vere valorajn kaj belaspektajn librojn, akiri grandan valoron por malmulta mono.

La senmankan efektivigon de ĉi tiu plano garantias Literatura Mondo, ĉefa posedanto de la kooperativo. Pri la signifo kaj valoro de la entrepreno orientas ĝia eldonprogramo por la jaro 1933.

En ĉi tiu jaro por la malalta kotizo de

### SVISAJ FRANKOJ 13 KAJ 50 CENTIMOJ

la Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj donos

### SES JENAJN LIBROJN

| | Paĝoj |
|---|---|
| **Kalocsay:** *Hungara Antologio* | 480 |
| *Pri la Moderna Arto*, kun 80 ilustraĵoj | 96 |
| *Grava libro laŭ elekto*, ĉirkaŭ | 200 |
| **Ŝalom Asch:** *La sorĉistino el Kastilio* (romano) | 160 |
| **Jean Forge:** *Febro* (romano) | 240 |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO** (ĉio pri la historio de nia movado, rolantaj personoj, lingvo, literaturo ktp.) Kun ĉ. 100 famekonataj kunlaborantoj, ĉ. mil ilustraĵoj | 640 |

***entute kun ĉirkaŭ 2000 paĝoj***

kaj kutima valoro de

### SVISAJ FRANKOJ 55.---.

La valoro de la eldonaĵoj kaj la malalteco de la prezoj estas tiel surprize favoraj, ke ni ne povas dubi pri la aklama akcepto. Ni certe esperas, ke la esperantistaro, ĝis nun kvazaŭ fortranĉita de sia plej grava vivovejno, amasege serĉos la kontakton kun la entrepreno, ebligante per tio pluan senhaltan evoluon de nia literaturo, kaj por 1934 ankoraŭ pli favoran, vere fabelan eldonplanon.

Konsiderinte ĉion ĉi vi certe konvinkiĝos, ke la

### ASOCIO DE ESPERANTISTAJ LIBRO-AMIKOJ

estas nepre necesega kaj utilega organizaĵo, por la bono de nia literaturo kaj por la bezonoj de nia publiko. Ni estas certaj, ke post nelonge fariĝos nepra devizo:

### ĈIU INTELIGENTA ESPERANTISTO ANIĜAS AL A. E. L. A.!

La Asocio eldonis por detale informi ĉiujn interesiĝantojn grandan deksespaĝan ilustritan prospekton, kiun ĝi sendas senpage al ĉiuj petantoj.

Rapidu mendi, ĉar la favora kotizo validas nur por aliĝantoj antaŭ 1-a de februaro 1933 kaj la Asocio ne garantias liveri eventuale elĉerpitajn librojn.

MENDU LA PROSPEKTOJN DE

**Hungarujo, BUDAPEST IX. Mester-u. 53.V.7**

**LITERATURA MONDO (por AELA)**